I- 0349/1928


# VERDA STELO

GAZETO ESPERANTISTA

LA MALKARA MONATA ORGANO INTERNACIA DE ĈIU ESPERANTISTO

**Abono.**

Simpla jarabono 2.50 sv. fk.
Kolektivaj abonoj al unu adreso: minimume 5 abonoj po 2.— sv. fk. minimume 10 abonoj po 1.50 sv. fk.; minimume 25 abonoj po 1.20 sv. fk.
La prezoj validas nur ĉe antaŭa pago por tuta jaro. Ĉe alimaniera pago (monata, kvaronjara k. a.) unu numero kostas 0,25 sv. fk., 5 ekz. de unu numero po 0.20 sv. fk., 10 ekz. po 0.15 sv. fk., 25 ekz. po 0.12 sv. fk.
Pagante per agento, aldonu 20% por perado.

**Reklamo.**

Anoncoj: po unucentimetra kolonero (8,5 cm larĝa) egalvaloro de 5.— sv. fk.
Anoncetoj (nur kontraŭ antaŭa pago): po enpreso kaj vorto (aŭ mallongigo) egalvaloro de 0.10 sv. fk., minimume 1.— sv. fk.
Rabato: 3 foje 10%, 6 foje 15%, 12 foje 20%.
Pagante per agento, aldonu 20% por perado.

Adreso:
Heroldo de Esperanto
Horrem bei Köln (Germanujo)
Fako: Verda Stelo.
Redaktoro: Teo Jung.
Kunlaborantoj en la tuta mondo.

**Diverslandajn valutojn**
**ni akceptas je sekvanta kurzo:**

1.00 svisa franko = 0.05 arg. peso, 1 angla penco, 0.14 aŭstra ŝilingo, 0,14 belgo, 0.16 braz. milr., 3 bulg levoj, 0.65 ĉsl. krono, 0.07½ dana krono, 8 est. markoj, 0.80 finna marko, 0.50 fr. franko, 0.08 germ. marko, 1.50 gr. d rakmoj, 0.12 hisp. peseto, 0.11 pengo, 0.35 itala liro, 0.04 jap. jeno, 1.10 jsl. dinaroj, 0.10 latva lato, 0.20 litova lido, 0.05 nederl. guld., 0.08 norv. krono, 0.17 pola zloto, 0.40 port. eskudo, 4 rum. leoj, 0,07½ sveda krono, 0.04 turka funto, 0.02 urugv. peso, 0.02 usona dolaro.

La diversajn valutojn ni akceptas nur el la koncernaj landoj, sed el ĉiu lando ni akceptas pagon per sv. fk., germ. rmk., us. dolaro, angla funto, nederl. guldeno aŭ sveda krono.

**N-ro 1** | **Januaro** | **1928**


# Esperanto progresas.

## Esperanto.

**Komandanto de armea korpuso pri Esperanto.**

Generalo C. Gavanescul, komandanto de armea korpuso, honora prezidanto de Rumana Esperantista Societo, diris: „Mi estas plene konvinkita pri la nepra neceseco de Esperanto, naskita per la alta penso de homo. Mi estas certa pri ĝia sukceso en la mondo. Se mi havus povon, mi instruigus ĝin kiel devigan objekton apud la stenografio. La unua, dum mallonga tempo, fariĝus la plej simpla ligilo inter la popoloj de l' tero, kaj la alia dekobligus la vivon de la verkisto . . . Esperanto tagon post tago havas pli kaj pli frapajn sukcesojn; se ĝis nun ĝia progreso okazis aritmetike, de nun ĝi daŭriĝos laŭ geometria proporcio."

**A. Tolstoj kaj Esperanto.**

La fame konata rusa verkisto A. Tolstoj, kiu tre favoras Esperanton, jus permesis la eldonadon de sia dramo „Morto de Danton" kaj de sia romano „Aelita" en Esperanto. Por la Esperanto-eldono de la laste nomita verko, kiu estas ankaŭ filmita, li mem skribis ruslingvan antaŭparolon. Ambaŭ verkoj aperos en la eldonejo de „Heroldo de Esperanto".

**Esperanto kaj Radio.**

Radio-stacioj de la tuta mondo disaŭdigis resp. disaŭdigas Esperanto-paroladojn aŭ kursojn. Lastatempe ni povis legi pri similaj disaŭdigoj el stacioj Berlin, Bilbao, Dresden, Falun, Ĥarkov, Kallundborg, Köbenhavn, Königsberg, Langenberg, Leipzig, Lyon, Minsk, Motala, Odessa, Oslo, Praha, Tallinn, Wien, Zürich k. a.

**Esperanto kaj Literaturo.**

La Esperanto-literaturo pliriĉiĝas de semajno al semajno. Jam en dua eldono elvenis la Esperanto-traduko de la konata romano de Wisemann „Fabiola". Hungaraj laboristoj eldonis originalan novelaron „Dancu Marionetoj!" de talenta poeto Julio Baghy. La Novspirita Centro intencas eldoni novspiritajn librojn en Esperanto. La eldonejo de „Heroldo de Esperanto" en Horrem/Köln (Germanujo) prezentis je Kristnasko tutan bukedon da novaj eldonaĵoj. Inter ili troviĝas romano originale en Esperanto de Teo Jung „Landoj de l' Fantazio". En ĝi la aŭtoro priskribas la aventurojn, kiujn du junuloj el fantazia lando, kuŝanta meze de la dezerto post altaj montoj, travivas en la »fantaziaj« (por ili) landoj »de la grandaj sorĉistoj«, t. e. en Usono kaj Eŭropo. La romano ampleksas 324 paĝojn kaj enhavas kvar tutpaĝajn ilustraĵojn. La sama eldonejo aperigis unuan serion de „Ilustrita Biblioteko" sub titolo „Oriento", enhavanta literaturaĵojn el Javo, Ĥinujo, Hindujo kaj Arabujo.

## English.

**A Commander of an Army Corps and Esperanto.**

General C. Gavanescul, Commander of an army corps and Honorary President of the Roumanian Esperanto Society said: „I am fully convinced of the urgent necessity of Esperanto, born of the highest thoughts of man. I am sure about it's success in the world. If I had it in my power, I would make everybody learn Esperanto as a compulsory subject, next to stenography. The first would in a short time become a simple tie between all peoples of the earth, and the second would increase the life of every author ten fold. Esperanto would in the very near future have more and more striking successes; if its progress up till now was only arithmetically, it will continue from now onwards in geometrical proportions."

**A. Tolstoi and Esperanto.**

The well known Russian author A. Tolstoi, who favours Esperanto, has just given his permission for his drama „The Death of Danton" and his Novel „Aelita" to be published in Esperanto. For the Esperanto edition of the last named book, which is also being filmed, he wrote himself in the russian language a foreword. Both works are being published by the administration of the „Heroldo de Esperanto".

**Esperanto and Radio.**

Radio stations all over the world have been broadcasting either Esperanto lessons or Esperanto lectures. We have recently read about such broadcastings from stations in Berlin, Bilbao, Dresden, Falun, Charkof, Kallundborg, Kobenhaven, Königsberg, Langenberg, Leipzig, Lyon, Minsk, Motala, Odessa, Oslo, Praha, Tallinn, Vienna, Zurich etc.

**Esperanto and Literature.**

Esperanto literature is being enriched from week to week. The well known Novel „Fabiola" by Cardinal Wiseman has already come out in a second edition. Hugarian workmen have published original novels and books of poetry including „Dancu Marionetoj" by that talented poet Julio Baghy. The „New-spirit"-centre are about to publish some of its works in Esperanto. The publishing firm of „Heroldo de Esperanto" in Horrem near Köln, Germany, have presented the Esperantists for this Christmas a whole bunch of new books. Among them an original Novel in Esperanto by Teo Jung „Landoj de Fantazio" in which the author describes the adventures experienced by two youths in a land of fantasy, which lies in the midst of a desert behind lofty mountains, and where they live through — in their fancy — a life among the »great magicians« in America and in Europe. This novel has 324 pages with four full page illustrations. The same publishing house has just placed on the market the first of series of an „Illustrated Library" under the title of „Oriento" which contains literary works from Java, China, India and Arabia.

## Deutsch.

**Der Kommandant eines Armeekorps über Esperanto.**

General C. Gavanescul, der Kommandant eines Armeekorps, Ehrenvorsitzender der Rumänischen Esperanto-Gesellschaft, erklärte: „Ich bin überzeugt von der unbedingten Notwendigkeit des Esperanto, das durch den hohen Gedanken eines Menschen geboren wurde. Ich bin seines Erfolgs in der Welt gewiss. Wenn ich die Macht dazu besässe, würde ich es als obligatorisches Fach neben der Stenographie unterrichten lassen. Das erstere würde in kurzer Zeit das einfachste Bindemittel unter den Völkern der Erde, und die andere würde das Leben des Schriftstellers verzehnfachen . . . Esperanto hat mit jedem Tage in die Augen fallendere Erfolge zu verzeichnen; wenn bis jetzt sein Fortschritt arithmetisch geschah, so wird er in Zukunft in geometrischem Verhältnis vor sich gehen.

**A. Tolstoj und Esperanto.**

Der berühmte russische Schriftsteller A. Tolstoj, der dem Esperanto sehr günstig gesinnt ist, hat soeben die Genehmigung zur Herausgabe seines Dramas „Dantons Tod" und seines Romans „Aelita" in Esperanto erteilt. Zu der Esperanto-Ausgabe des letztgenannten Werks, das auch verfilmt worden ist, hat er selbst ein Vorwort in russischer Sprache geschrieben. Beide Werke werden im Verlag des „Heroldo de Esperanto" erscheinen.

**Esperanto und Radio.**

Radio-Stationen in der ganzen Welt haben Esperanto-Vorträge oder Kurse gefunkt bzw. funken dieselben zur Zeit. In den letzten Monaten konnten wir von ähnlichen Veranstaltungen der Sender Berlin, Bilbao, Dresden, Falun, Charkow, Kallundborg, Leipzig, Lyon, Minsk, Motala, Odessa, Oslo, Prag, Reval, Wien, Zürich u. a. lesen.

**Esperanto und Literatur.**

Die Esperanto-Literatur wächst von Woche zu Woche. Bereits in zweiter Auflage erschien soeben die Esperanto-Uebersetzung des bekannten Romans von Wisemann „Fabiola". Ungarische Arbeiter haben einen Original-Novellenband des talentierten Dichters Julius Baghy' „Dancu Marionetoj!" herausgegeben. Die Neugeist-Zentrale beabsichtigt neugeistige Bücher in Esperanto herauszubringen. Der Verlag des „Heroldo de Esperanto" in Horrem bei Köln (Deutschland) hat zu Weihnachten einen ganzen Strauss von neuen Werken präsentiert. Darunter befindet sich ein original in Esperanto verfasster Roman von Teo Jung: „Landoj de l' Fantazio". Der Verfasser beschreibt darin die Abenteuer, die zwei junge Leute aus einem mitten in der Wüste hinter hohen Bergen liegenden imaginären Lande in den für sie nur in der Fantasie existierenden „Ländern der grossen Zauberer", d. i. Amerika und Europa, erleben. Der Roman umfasst 324 Seiten und enthält vier ganzseitige Illustrationen. Im gleichen Verlage ist auch die erste Serie einer „Illustrierten Bibliothek" erschienen, unter dem Titel „Oriento" und mit Proben aus der javanischen, chinesischen, indischen und arabischen Literatur.

## Français.

**Un commandant de corps d'armée et l'esperanto.**

Le général C. Gavanescul, commandant de corps d'armée, président d'Honneur de la Société espérantiste roumaine, a dit: „Je suis pleinement convaincu de la necessité absolue de l'esperanto, né d'une pensée idéaliste humaine. Je suis certain de son succès. Si j'en avais le pouvoir, je le ferais enseigner comme branche obligatoire, à côté de la sténographie. Au bout de peu de temps, la première deviendrait le lien le plus simple entre les peuples de la terre et la seconde décuplerait la vie de l'écrivain . . . De jour en jour l'esperanto remporte des succès de plus en plus frappants. Si jusqu'à present ils ont suivi une progression arithmétique, à partir de maintenant ils en suivront une géométrique."

**A. Tolstoj et l'esperanto.**

Le grand écrivain russe bien connu A. Tolstoi qui favorise l'esperanto, vient de permettre la traduction en esperanto de son drame „La mort de Danton" et de son roman „Aelita". Il a lui-même écrit une préface en russe pour l'édition en esperanto de ce dernier ouvrage qui est aussi filmé. Les deux traductions paraîtront chez „Heroldo de Esperanto".

**L'esperanto et radio.**

Les stations radiotéléphoniques du monde entier ont diffusé et diffusent encore des conférences et des cours en esperanto. Dernièrement nous avons pu lire des communiqués sur de telles diffusions par les stations suivantes: Berlin, Bilbao, Dresde, Falun, Charkow, Kallundborg, Copenhague, Koenigsberg, Langenberg, Leipzig, Lyon, Minsk, Motala, Odessa, Oslo, Prague, Tallinn, Vienne, Zurich etc.

**L'esperanto et la littérature.**

La littérature esperantiste s'enrichit de semaine en semaine. Déjà la deuxième édition de la traduction en esperanto du célèbre roman de Wiseman „Fabiola" vient de paraître. La société ouvrière hongroise a édité „Dancu Marionetoj", recueil de nouvelles écrites en esperanto par Jules Baghy, poète de talent. Le centre de renouvellement spirituel a l'intention de faire paraître en esperanto quelques-unes de ses publications. La maison d'edition de „Heroldo de Esperanto" à Horrem/Cologne (Allemagne) a présenté pour Noël une gerbe des nouvelles éditions, entre autres un roman „Landoj de l' Fantazio" écrit en esperanto par Teo Jung. Dans ce roman l'auteur décrit des aventures que traversent deux jeunes gens venant d'un pays fantastique au milieu de désert derrière de hautes montagnes, lorsqu'ils arrivent dans les pays pour eux fantastiques des grands sorciers, c'est-à-dire en Amérique et en Europe. Le roman a 324 pages et 4 pages entières d'illustrations. La première série de „Ilustrita Biblioteko" sous le titre „Oriento", contenant des oeuvres d'écrivains de Java, de la Chine, des Indes et de l'Arabie a paru à la même maison d'edition.

## Novjara kanto.

(Mit der Freude zieht der Schmerz.)
De Johann Peter Hebel.
Melodio de Felix Mendelssohn-Bartholdy.

Ĉiam ĝojo kaj dolor'
Estas par' sur tero.
Uragan' kaj milda vento,
Feliĉego kaj turmento
Jen en sama sfero!

Kie falas kelka larm',
Floras kelka rozo;
Ĉar miksita estas sorto
Ĉiuhoma ja ĝis morto
En konforma dozo.

Tion montris ĉiu jar',
Ĉu ĝin nova ŝanĝos?
Suno supren-, subeniros;
Nuboj for kaj al ni migros,
Di' ne transaranĝos.

Donu Dio, kiu nin
Regas kun boneco:
Viglan senton de la ĝojo,
Forton sur dolora vojo
Por la estonteco!

Trad. K. Giessmann.

## Tra la mondo.

Kutime, kiam alproksimiĝis la silvestra vespero, oni adiaŭas la malnovan jaron per ne tre flataj karesvortoj. Tre ofte oni postĵetas al ĝi mokojn kaj insultojn, dum la novan jaron oni akceptas per ĝojo kaj jubilado, kvazaŭ ĝi devus bonigi, kiun la pasinta jaro malbonigis, aŭ kvazaŭ ĝi devus plenumi la esperojn, kiujn la malnova jaro malatentis. Oni estas preskaŭ konvinkita, ke la nova jaro estos „pli bona", „pli feliĉa". Kaj tamen ni spertas, ke ĝenerale unu jaro estas kiel la alia. Ĉiujare iuj homoj kaj familioj estas pli favorataj de la sorto kaj aliaj malpli. Sed al ĉiu favorato ĉiu jaro alportas ankaŭ iom da sufero kaj al ĉiu nefavorato ĝi alportas ankaŭ iom da ĝojo. Kaj la tagojn aŭ horojn de l' ĝojo ĉiu el ni povos plimultigi kaj plilongigi, se li nur firme tion volas.

Do, transpaŝante la sojlon de la nova jaro ni promesu al ni mem kiel eble plej atenti kaj firmteni la tagojn kaj horojn de l' ĝojo kaj feliĉo, kaj kiel eble plej malmulte atenti kaj baldaŭ forgesi la horojn kaj tagojn de l' sufero. Bela estas la mondo, kaj vivi estas bele; oni devas nur voli, ke ĝi estu bela. Kaj se foje la sufero volas superforti nin, ni pensu pri aliaj, kiujn la sorto eĉ pli premas aŭ premis.

Kia terura tragedio, ekzemple, estis tiu de la ŝipanaro de la usona submara ŝipo S 4, kiu la 17-an de decembro surfundiĝis kun 45 ŝipanoj, koliziinte kun detruŝipo. Skafandristoj (subakviĝistoj) konstatis, ke parto de la ŝipanaro de S 4 ankoraŭ vivis en la ŝippartoj riglitaj kontraŭ la akvo. Per frapsignoj ili interkompreniĝis kun la vive entombigitoj. Komenciĝis freneza luktado kun la elemento por savi la transvivintojn. Kiajn inferajn suferojn devis elteni la bravaj maristoj tridek metrojn sub la nivelo de l' oceano! Oni scias, ke helpo estas proksima. Tamen horo post horo pasas, la aero en la eta ejo konsumiĝas pli kaj pli, kaj nenio okazas. Ĉu la savontoj sukcesos levi la surfundiĝintan ŝipon aŭ almenaŭ enkonduki al la malfeliĉuloj aeron kaj likvidan nutraĵon, antaŭ ol estos tro malfrue? Aŭ ĉu ili devos mizere sufokiĝi pro manko de aero? Teruraj horoj, teruraj tagoj kaj noktoj. Por la pereontoj, por la savontoj kaj por la timtreme atendantaj familianoj de l' pereontoj. Kaj fine tamen ĉio estis vana. Kiam fine oni sukcesas enkonduki aeron en la surfundiĝintan ŝipon, jam la fatalo decidis. Ĉiuj febraj savlaboroj neniom utilis. Vanaj la klopodadoj, vana la timtrema atendado. La tragedio finiĝis . . . Ploras edzinoj pro perditaj edzoj, patrinoj pro la filoj, fratinoj pro la fratoj . . .

Aŭ rigardu al Ĥinujo, kie kvar milionojn da homoj minacas la morto pro malsato. La senfina civila milito, malsekeco kaj akridoj kaŭzis, ke la rikolto estis nur modesta, kaj nur parto de la jam modesta rikolto povis esti endomigata.

Aŭ rigardu al Japanujo, kie neniam konitaj neĝventegoj ĵus detruis tutajn vilaĝojn kaj urbojn! En Tokio sole kvincent domoj estas renversitaj. Sekvis incendioj, kaj multaj homoj pereis. Ankaŭ sur la maro furiozis la ventego, detruante ŝipojn, pereigante homvivojn . . .

Ne plendu ni, dum ni estas vivantaj kaj sanaj, dum ni havas por manĝi kaj por vestiĝi. Kaj eĉ se momente ni havas iajn malgrandajn zorgojn, ni komparu nian sorton kun tiu de centmil kaj milionoj da aliaj, kiujn la fatalo pelis al la abismo de l' malfeliĉo, kaj ni sentos pli grandan kontentecon.

Kaj koncerne la novan jaron, ni ne tro dependigu nin de la eksteraj cirkonstancoj kaj de l' hazardo. En nia propra brusto troviĝas la ŝlosilo al nia feliĉo. Kuraĝe kaj fideme antaŭen! Observanto.

## La rezultato de la Librofesto.

Hodiaŭ ni povas raporti pri la rezultato de la Librofesto, tiom kiom ĝi koncernas nian propran Librejan fakon. Ĝi fariĝis pli bona, ol oni povis supozi post la unuaj tagoj. La nombro de la libroj venditaj laŭ nia **unua** prospekto estas **862** je valoro de rmk. 1173.— (inkluzive afranko). La tutnombro de libroj venditaj kun rilato al la Librofesto estis ĉe nia Libreja fako ĉ. 1700. Tamen tiu ĉi cifero ne estas tute klara, ĉar oni devus dekalkuli ĉ. 50%, kiuj estus venditaj ankaŭ sen aranĝo de la Librofesto. Kelkaj mendintoj de libroj plendis pri la kalkulo de la afranko, kiun ni fiksis **ĉiukaze** je 10%. Tiamaniere ni iom profitis je kelkaj sendaĵoj al Germanujo kaj Aŭstrio, dum ni perdis je multaj sendaĵoj eksterlanden. Entute ni perdis je afranko ĉ. 100 rmk. Alia kalkulo de la afranko estus tro komplika, precipe ĉar la plimulto de la libroj estis antaŭpagataj, kaj cetere la prezo de la libroj estis tiom malalta (favorprezoj!), ke vere ne ekzistis kaŭzo por plendo.

La premiitoj ĉe la **Konkurso** estas:

1-a premio: Brusela Esp.-Grupo, Bruxelles, Belgujo (kalkulis 827 vendotajn librojn); 2-a premio: f-ino Kläre Lenz, Plauen, Germ. (900); 3-a ĝis 12-a premioj: V. A. Ŝiŝkov, Paris (900); G. Schattat, Königsberg, Germ. (800); J. Pilch, Trinec, Ĉeĥoslovakujo (800); H. Nischwitz, Mannheim, Germ. (950); P. Hart, Ixelles, Belgujo (999); Luise Frost, Bydgoszcz, Polujo (1000); H. Michalek, Reichenberg, Ĉeĥosl. (1000); Regina Rosenberg, Berlin (1000); D-ro St. Rosenstock, Zagreb, Jugoslavujo (1000); J. Schweinfurter, Holeischen, Ĉeĥosl. (1000).

Inter samnombre kalkulintoj decidis la loto. Krom supre cititaj 5 konkursintoj, kiuj kalkulis 1000, ankoraŭ 4 aliaj kalkulis 1000; ankaŭ ĉi tie decidis la loto.

Ĝenerale la konkursintoj montris grandan optimismon. Nur 19 kalkulis malpli ol 800 (la plej pesimista kalkulis nur 240); 27 kalkulis inter 1000 kaj 2000, 8 kalkulis 2000, 7 inter 2000 kaj 3000, 10 kalkulis 3000, 48 inter 3000 kaj 10 000, 7 kalkulis 10 000, 16 kalkulis pli ol 10 000. La plej optimista kalkulis 30 000 (!). Ni eĉ ne presis tiom da ekzempleroj kune de la Esperanto-libroj menciitaj sur la prospekto.

Entute ni povas esti kontentaj pri la rezultato de la Librofesto, kaj ni ankaŭ povas esti kontentaj pri la ĝenerala evoluo de nia Libreja fako. Ĝia debito estis dum 1926 je ĉ. 75% pli alta ol en 1925; kaj dum 1927 ĝi estas je ĉ. 150% pli alta ol en 1926. Dum 1928 ni esperas ankoraŭ plialtigi la debiton, kio certe okazos, se ni povos plenumi nian eldonan programon por la nova jaro, kiu antaŭvidas multajn belajn verkojn.

Koran dankon al ĉiuj, kiuj kunhelpis sukcesigi la ideon de nia ŝatata Julio Baghy! Vivu la Esperanto-literaturo!

## Kiel mi fariĝis esperantisto.

Rakontis Jan Rathay, Ĉ. Budejovice, Ĉsl.

Legante ĉi tiun titolon, certe ĉiu samideano senintence rememoras, kiel kaj kial fariĝis, ke li komencis lerni nian lingvon. Multaj kaj tre diversaj estas tiuj manieroj kaj kaŭzoj. Tiu fariĝis esperantisto, ĉar por la ideo lin ekinteresis lia amiko, kiu, ekzemple, estis filatelisto kaj, volante interŝanĝi poŝtmarkojn, ellernis Esperanton, — alia tial, ke li ie legis esperantan tekston, la lingvo plaĉis al li, ĉar li komprenis tre multajn vortojn, do li lernis ĝin. Kelkaj homoj, precipe la pensiuloj, lernas Esperanton simple pro enuo, por ion fari; sed tiuj ĉi kutime poste fariĝas tre fidelaj kaj pasiaj esperantistoj. Ĉiu esperantistiĝis laŭ sia propra maniero. Pri la mia mi volas tie ĉi rakonti.

Mi komencis lerni Esperanton antaŭ tri jaroj, kiam mi estis en la 7-a klaso de gimnazio. En la superaj klasoj de mezlernejoj en Ĉeĥoslovakio (kaj mi opinias, ke ankaŭ alilande) estas devo de ĉiu studento, ke li havu almenaŭ unufoje dum la jaro antaŭ la tuta klaso paroladon, daŭrantan proksimume duonan horon, pri iu ajn temo, kiun li mem elektas. Tiujn ĉi paroladojn oni nomas „oratoraj lecionoj". La studentoj devas baldaŭ post la komenco de la lerneja jaro sciigi en la lernejo, kiujn temojn ili elektis kaj post duonjaro ili ĉiuj transdonas al la profesoro siajn paroladojn, nete skribitajn, indikante samtempe la fontojn, el kiuj ĉiu rajtas ĉerpi. Oni praktikas tion kutime tiel, ke la malpli aĝaj studentoj aĉetas aŭ ricevas de la pli aĝaj iliajn oratorajn lecionojn kaj ilin preskaŭ laŭvorte transskribas, tiel ke pri unusama temo paroladas tutaj generacioj da studentoj, kaj vane la profesoroj tion kontraŭbatalas.

Do, kiam mi estis en la 7-a klaso, iutage je komenco de la jaro venis en la klason nia profesoro de ĉeĥa lingvo kaj ordonis, ke post 14 tagoj ni ĉiuj sciigu al li la temojn de niaj oratoraj lecionoj. — „14 tagoj," mi pensis, „kiom longa tempo! Ĝis tiam mi ja ion trovos." Sed mi trovis nenion kaj ankaŭ ne povis ion trovi, ĉar tiun tutan aferon mi forgesis. Mi nome ne ĉiam zorgis pri miaj lernejaj devoj tiel, kiel deziris miaj profesoroj.

Post 14 tagoj, elpoŝiginte sian notlibron, diris sinjoro profesoro: „Viaj paroladoj!" kaj komencis nin voki. Mi estis surprizita, sed tuj mi trankviliĝis, ĉar mi jam kutimiĝis je tiaj subitaj surprizoj en la lernejo. Mi estis la 11-a laŭ la alfabeta nomaro, do mi devis

### Kien?

Patro, kien flugas la cignoj for?
For, for! Flugas urĝante,
Strečas la kolojn, flugas kantante,
For, for! Ne scias mi kien.

Patro, kien velas la nubo for?
For, for! Ventoj ĝin pelas,
Tra la aero senĉese ĝi velas,
For, for! Ne scias mi kien.

Patro, kien glitas la tagoj for?
For, for! Malaperante
Ili forglitas ne haltiĝante,
For, for! Ne scias mi kien.

Patro, kien iras ni mem do for?
For, for! Dorna la vojo,
Kiun ni iras sen amo, sen ĝojo,
For, for! Ne scias mi kien.

El sveda lingvo tradukis
Hilding Karlsson.

## Jalamaŝ.

Legendo el la vivo de altajaj nomadoj.

En Altajo (montarego en Azio) ekzistas legendo, kiu diras, ke tiu homo, kiu ekvidos la junan lunon (unuan kvaronon) returniĝi de unu flanko al la alia, nepre baldaŭ fariĝos riĉulo. Kiel ekzemplon oni rakontas jenan historion:

En tempo delonge pasinta, kiam Altajo estis libera regiono, je la rivero Argut vivis nomado-teleuto. La nomo de la teleuto estis Jalamaŝ. La ailo (loĝejo de altajaj nomadoj) de Jalamaŝ estis tre mizera. Brutaron — la riĉaĵon de ĉiuj nomadoj — li preskaŭ ne posedis. Lia vivo estis ankaŭ tre mizera. Siajn vivrimedojn li akiris kiel paŝtisto ĉe riĉuloj-zojsanoj (loka nomo de riĉuloj). Iufoje revenante hejmen el belka'o (neĝa supraĵo de monto), kie li paŝtis la brutaron, kaj kantante malgajan kanton pri sia vivo, li miris pri la juna mesjaco (loka nomo de la luno), kiu bele elnaĝante el post la pintoj de l' altaj malafablaj montoj lumigis per sia arĝenta lumo la mallarĝajn valojn kaj briligis la ŝprucerojn de la ondoj de l' malkvieta montrivero.

Ĉirkaŭe regis trankvilo. Eĉ ne unu besto aŭ birdo rompis la plenan silenton de l' naturo. Densa nebulo leviĝis de la rivero, kaj iom post iom la arbaraj flankoj de l' montoj kovriĝis per ia fabela ornamo. Sed la beleco de la naturo ne allogis Jalamaŝon. Li rigardis la lunon pensante, pro kio iuj homoj estas riĉaj kaj aliaj estas tiel mizeraj . . . Sed kio okazis?

Jalamaŝ pro mirego haltigis la ĉevalon. La luno, la tutan tempon trankvile naĝinta en la etero, subite returniĝis de la supra flanko al la malsupra, kvazaŭ iu ĝin batis de supre, kaj denove ĝi eknaĝis trankvile . . . trankvile . . .

Rigardante ĉi tiun miraklon, Jalamaŝ rajdis plu, ĉar lia stomako, kiu nenion ricevis depost la mateno, ne interesiĝis pri la okazintaĵo kaj postulis atenton. Jalamaŝ volis rapide esti hejme. Post longa rajdado inter montoj kaj forte lacigita, li fine alvenis al sia ailo. Senseliginte sian ĉevalon, Jalamaŝ eniris la ailon. Tie kun ĝojo lin akceptis la edzino kaj komunikis al li, ke iu nekonata kalmiko (azia popolo) traveturinta donacis al Jalamaŝ plenan kosjak'on (aron) da ĉevaloj, sed ke la fremdulo ne diris sian nomon kaj ordonis ne peni ekscii lian adreson.

Aŭdinte tiun novaĵon, Jalamaŝ forgesis pri sia malsato kaj kuris por rigardi la ĉevalaron. La luno naĝis en sennuba ĉielo, kaj sur la krutaĵo, kie troviĝis la ailo de Jalamaŝ, estis lume kiel dumtage. Antaŭ la okuloj de la mizera paŝtisto prezentiĝis mirakla bildo: la tuta krutaĵo de la granda monto kaj la mallarĝa valo estis kovritaj de belegaj junaj ĉevaloj kaj ĉevalidoj — donacaĵo de l' riĉa kalmiko. Jalamaŝ pro ĝojo preskaŭ freneziĝis; li saltis kiel infano, kunfrapis la manplatojn kaj ridegis ĝis malkonscio. Pri la malsato li tute forgesis. Lia stato embarasis lian edzinon. Depost ĉi tiu nokto la ĉevalaro de la iama mizerulo komencis pligrandiĝi ĉiutage, ĉiuhore.

Jalamaŝ jam ne estis paŝtisto de fremdaj brutaroj: li mem nun bezonis paŝtistojn. Ĉio estis kun li, sed jaron post jaro li fariĝis pli malgaja. La tempo pasis, kaj kun ĝi juneco kaj forto. Jalamaŝ ne havis infanojn, kaj nevole li pensis: por kiu celo estas la tuta riĉaĵo, se mankas la heredontoj. Jalamaŝ kunvenigis ĉiujn altajajn kamojn (ŝamanojn = idolservistojn) kaj, mortiginte kelkdekojn da brutoj por oferdonoj, petis ilin helpi lin en lia deziro ekhavi infanojn. Per la viando de la mortigitaj brutoj li satigis ilin ĉiujn, sed eĉ ne unu kamo povis helpi lin.

Jalamaŝon jam ne ĝojigis lia riĉeco: li jam enviis malriĉulojn, kies infanojn li vidis petolantaj en cindro. (En Altajo infanoj ofte petolas en cindro de lignaĵoj.) Iufoje, parolante kun gasto-teleuto el Aba-tajgo (Kuznecka tajgo, Tomska gubernio) pri sia malfeliĉo, Jalamaŝ estis tre mirigita aŭdante de li pri kamo, kiu pro siaj scioj superas la altajajn kamojn. Ne longe pripensinte, Jalamaŝ sendis al tiu kamo siajn senditojn, al kiuj li ordonis surgenue peti lin alveturi al lia ailo.

Bajata kamo (nomita kamo loĝis apud la rivero Bajatu) jam aŭdis pri la riĉeco de sia samnaciulo-teleuto kaj rapide konsentis veturi al Jalamaŝ, tiom pli, ĉar pro la malsukceso de la altajaj kamoj la afero povos esti glora por li. Jalamaŝ faris lian renkonton vera triumfo: kelkdekoj da ĉevalidoj, ŝafoj kaj bovoj estis oferbuĉataj je honoro de la alveturo de l' kamo kaj la plej bonaj tapiŝoj kaj feloj estis sternataj por liaj piedoj. La triumfa festo daŭris kelkajn tagojn. Oni fiksis tagon por oferfesto kaj aŭguroj. Ĉiuj kun maltrankvilo atendis ĉi tiun tagon; Jalamaŝ eĉ perdis apetiton kaj dormon. En la fiksita vespero kunvenis multe da homoj. Tutan nokton la kamo furioziĝis, turniĝis kaj kriis, batante tintilon, kaj fine kun sanga ŝaŭmo sur la lipoj li falis senkonscia. La sekvintan

dum la mallonga momento, ĝis venos mia vico, ion elpensi. Mia cerbo laboris febre. Mi jam forĵetis kelkajn temojn, pri kiuj venis al mi ideo, ekz. „La animo de l' floroj", literaturaj temoj k. a., kiam subite, mi ne scias kiel, mi rememoris pri Esperanto, kvankam pri ĝi mi nur sciis, ke ĝi estas internacia lingvo. Mi ja kelkfoje aŭdis pri ĝi, sed tiu movado min tute ne ekmovis kaj mi neniam ekinteresiĝis pri ĉi tiu lingvo. Mi esperis, ke mi iel havigos al mi ĉeĥlingvan libron, pritraktanta Esperanton kaj ĝian kreinton, kaj ke mi ĝin simple transskribos. Kiam mi do estis vokita, trankvile mi respondis, ke mia temo estas „Esperanto, lingvo internacia".

Tuj posttagmeze mi vizitis ĉiujn librovendistojn en la urbo, sed nenie mi povis ricevi ĉeĥ- aŭ germanlingvan informlibron pri Esperanto. Krome mi sciiĝis, ke neniu el la pli aĝaj studentoj havis oratoran lecionon pri ĝi. Post kelkaj tagoj mi rememoris ke mia amiko J. H. en Pisek estas esperantisto. Tiu certe ion havos! Mi skribis al li kaj klarigis mian situacion.

Baldaŭ venis la respondo, sed ĝi ne tro kontentigis min. Mia amiko skribis al mi, ke li bedaŭrinde ne havas la petitan ĉeĥan libron kaj ke li ne scias, ĉu tia libro eĉ ekzistas; sed anstataŭ ĝi li sendas al mi esperantan libron, esperante, ke mi povos ĝin uzi.

Mi elpakis la sendaĵon kaj legis: „D-ro Möbusz, Dokumentoj de Esperanto". Mi foliumis la libron, kaj multon mi komprenis, kaj ĉar mi aŭdis, ke Esperanto estas tre facila lingvo, mi decidis post kelka tempo, aĉeti lernolibron kaj ellerni ĝin. Tiel mi ankaŭ faris. Ĝis Kristnasko mi scipovis Esperanton jam tiom, ke mi povis kun la vortaro bone legi esperantan tekston. Dum la Kristnaska libertempo mi kunmetis laŭ la Dokumentoj oratoran lecionon, kaj poste mi ĝin transdonis al la profesoro.

Mi do estis propradire devigita de la cirkonstancoj lerni Esperanton. Unue mi faris tion nur pro tio, ke mi komprenu la tekston, kaj mi tute ne intencis fariĝi daŭra esperantisto. Sed ju pli mi eniĝadis en la lingvon, ju pli mi ekkonadis ĝiajn klarecon kaj precizecon, des pli kreskis mia intereso kaj amo al ĝi — kaj mi ĝin ne plu forlasis. Baldaŭ mi jam havis okazon paroli kaj legi ankaŭ aliajn esperantajn librojn.

Mia oratora leciono estis — senlaŭde dirate — sukcesa: Tuj tri el miaj kolegoj komencis lerni Esperanton.

Jen, mi povas diri kun la ĉeĥa poeto J. Kollár: „ . . . la vojoj povas esti diversaj, nur intencon ni ĉiuj havu la saman!"

# Ni ludu Esperante.

La ludoj komunikitaj en la decembra numero de Verda Stelo vekis multflankan eĥon. Samideanoj el diversaj landoj esprimis sian kontentecon, ĝojante ke la ludoj estonte plivigligos la kunvenojn de la grupoj en iliaj respektivaj urboj. Kelkaj ensendis la regulojn por aliaj ludoj. Bedaŭrinde la loko ne permesas al ni publikigi ĉiujn. Jen nur mallonge la reguloj de kelkaj ludoj:

**Diveno de proverboj aŭ kantokomencoj.** (Komunikis W. Reichel.) Unu kunludanto X eliras, la ceteraj elektas proverbon, ekz. „Preĝu kaj laboru!" Revokite, X demandas la unuan rondanon pri io ajn, ekz.: „Ĉu vi havas agrablan loĝejon?" La demandit(in)o devas en sia respondo enmiksi la unuan vorton de la proverbo, ekz.: „Kiu vidos mian loĝejon, certe diros al mi: **Preĝu** al Dio, ke li lasu al vi tiun ĉi belan domon!" X devas el tio diveni la vorton, kio estas des pli facila, ju pli malofta kaj neatendita, konkreta estas la vorto. Nun X, se li resp. ŝi ne jam divenis la tutan proverbon, demandas duan rondanon, ekz.: „Ĉu vi konas Ibsen?" La respondo devas liveri la duan vorton de la proverbo, ekz.: „Mi legis Dora'n **kaj** Popolmalamikon." Tia procedo daŭras, ĝis X trovas la tekston de la proverbo. — Simile oni povas procedi pri kantokomenco, ekz.: „En la mondon venis nova sento," k. a.

**Advokato.** (Komunikis Br. Rajŝiĉ.) La ludon gvidas sperta parolema persono. La aliaj geludantoj sidiĝas en rondo ĉirkaŭ li. Ĉiu el la sidantoj estas la „advokato" de la persono sidanta dekstre apud li. Nun la gvidanto alparolas iun. La alparolito ne darfas (ne havas permeson) respondi, sed lia „advokato" devas tuj respondi, tute egale kion, la ĉefaĵo estas paroli. En la sekvanta momento la gvidanto turniĝas al la ĵus parolanta „advokato" aŭ al iu ajn ludanto, kiu tuj devas ĉesigi la parolon, sed **lia** advokato devas ekparoli. Estas necesa granda atento, por ke la alparolito ne respondu la demandojn direktitajn al li, kaj ke la advokato tuj rimarku, ke li devas paroli. Krom la koncerna advokato ĉiuj ceteraj devas silenti. Ĉiu, kiu eraras, devas doni iun objekton kiel „garantiaĵon". Kiam sufiĉe da garantiaĵoj estas kolektitaj, komenciĝas la „juĝado". La gvidanto aŭ iu alia kaŝite tenas po unu garantiaĵo, kaj la ĉeestantoj laŭvice, aŭ unu aŭ kelkaj elektitoj, juĝas pri tio,



**Ilustraĵo el „Ilustrita Biblioteko" n-ro 5:**
Mil kaj Unu Noktoj (Tadmora, la reĝino de la dezerto).

kion faru la posedanto de koncerna objekto, por rericevi ĝin. La juĝoj estas plej diversaj, ŝercaj. Ekz.: la posedanto de la garantiaĵo devas sur unu piedo salti tra la ĉambro; aŭ li devas kanti iun kanton; aŭ li devas antaŭ ĉiuj ĉeestantoj trifoje diri: „Gesinjoroj, mi konfesas ke mi estas netaŭgulo!", ktp.

**Alumetuja kurado.** (Komunikis kelkaj.) Tiun ludon oni ludas diversmaniere. Ĝia esenco estas, ke unu ludanto prenas malplenan alumetskatoleton sur sian nazon kaj, ne tuŝante ĝin per la manoj, penas transmeti ĝin sur la nazon de sia najbaro. Se ĉe tio la skatoleto falas, li (aŭ ambaŭ) devas doni objekton kiel garantiaĵon.

**Ringludo.** (Komunikis Br. Rajŝiĉ.) Ĉiuj, escepte de unu, sidiĝas en rondo kaj prenas ŝnuron tiel longan, ke ĉiuj ĝin tenas facile en siaj manoj. La ŝnuro estas kunligita, do senfina, kaj sur ĝi troviĝas ringo. La ŝnuro devas esti konstante movata, ĉu dekstren ĉu maldekstren, kaj la ringo, kiu komence estas en la mano de unu ludanto, estas puŝata al la najbaro dekstra aŭ maldekstra. La tasko de la ludanto, staranta en la mezo, estas trovi la ringon. Li devas kapti la manon, en kiu li opinias, ke troviĝas la ringo. La tasko tute ne estas facila, ĉar la ludantoj, turnante la ŝnuron, konstante tiras la manojn sur la ŝnuro, kvazaŭ ĉiufoje transdonante la ringon al najbaro. Kompreneble ĉiu klopodas kiel eble plej baldaŭ liberiĝi de la ringo, ĉar tiom pli sekura li estas, ke la ludanto en la mezo ne kaptu lin. La ludo estas tre gajiga kaj kaŭzas multe da rido, ĉar escepte de unu aŭ du personoj neniu scias, kie efektive la ringo troviĝas, kaj estas surprizo, kiam subite iu eksentas ĝin en sia mano. Se la serĉanto trovas la ringon, li sidiĝas sur la lokon de la kaptito, kiu stariĝas en la mezo, turniĝas trifoje ĉirkaŭ sin, kaj la ĉasado rekomenciĝas. Ĉe tiu ludo oni povas dum la tuta tempo kanti.

**En la mallumo.** (Komunikis McCormick.) La ludantaro sidiĝas en rondo, kaj kiam ĉiuj estas pretaj, la gvidanto estingas ĉiujn lumojn. Tiam li donas al la unua ludanto ian objekton, kiun la ludanto devas palpadi kaj eltrovi, kio ĝi estas. Nenion dirante, li pasigas la objekton al sia najbaro, sed memorante, kio la objekto estas. Tiamaniere la objekto pasas de unu al alia laŭ la rondo, ĉiu ludanto palpadas la objekton por eltrovi, kio ĝi estas. Poste la gvidanto transdonas duan objekton, kiu same pasas laŭ la rondo, kaj tiel plu, ĝis estos pasintaj dek objektoj. La gvidanto tiam forprenas la objektojn kaj, kaŝinte ilin, li denove eklumigas, kaj la ludantoj devas nun skribi sur papero tiom da objektoj, kiom ili povas rememori. Tiu gajnas, kiu ĝuste skribas la plej grandan nombron da objektoj.

**Ludoj de „Heroldo".** La eldonejo de „Heroldo de Esperanto" eldonos dum tiu ĉi monato kelkajn kartludojn, kiuj tre taŭgos por ekzerci la Esperantan lingvon kaj parolon en grupkunvenoj. Unua estos **Proverba Kvartetludo,** transprenita de s-ano Schuhler; la unua malgranda eldonnombro de tiu ĉi ludo elĉerpiĝis preskaŭ tuj post apero. Dua estos **Litera ludo,** tre utila por lerni vortojn. Kaj tria estos demanda kaj responda ludo **„Rido sen Fino",** kun 50 demandoj kaj 500 respondoj, precipe taŭga por lude enmemorigi la tabelajn vortojn. Jen kelkaj specimenoj da demandoj kaj respondoj, kiajn rezultigas la ludo: Kial Hanibalo transiris la Alpojn? Por kapti muŝojn. — Kie troviĝas la paradizo? En la lito. — Kies vivo estas imitinda? Tiu de orang-utango. — Kio fariĝas el ovo de kokino? Mondhelplingvo. — Kiu kreis la mondon? Nia kara Majstro.

Se la loko permesos, ni publikigos en la februara numero la regulojn por kelkaj pluaj ludoj.

**La hodiaŭa numero estas ankoraŭ sendita al ĉiuj abonintoj de „Verda Stelo" el la pasinta jaro. Sed kiu deziras ricevi la februaran kaj la ceterajn numerojn de la nova jaro, tiu**

**tuj reabonu!**

matenon li longtempe parolis kun Jalamaŝ en aparta ailo pri tio, kion al li diris la spiritoj. Mallonge dirite, estis klare, ke Jalamaŝ ne ekhavos infanojn ĝis la tempo, kiam malaperos lia riĉeco je same mistera maniero, kiel ĝi aperis, kaj Jalamaŝ mem denove fariĝos malriĉulo-paŝtisto. Jalamaŝ obeis al la volo de l' spiritoj kaj . . . post unu jaro li denove estis malriĉulo-paŝtisto, sed kun kia ĝojego li karesis dikulon-fileton, naskitan en tiu tempo!

Kien malaperis la riĉeco de Jalamaŝ — tio estas enigmo ĝis la nuna tempo. A. P. Vasilĉenko.

# La suspektinda lepora rostaĵo.

Malgranda bubohistorio el mia juneco
de Hans Moder.

Nia najbarino, maljuna malpacema estaĵo, havis specialan karulon: grandan nigran virkaton, laŭ ŝia opinio la plej luksan ekzempleron de ia ajn tempo. Efektive ĝi estis bestaĉo grasega, hirta, eluzita, eventuale eĉ pli eluzita kaj hirta ol nia najbarino mem.

Ĉi tiun bestaĉon ŝi profunde enŝlosis en sian koron. Ĉu estis miraklo, ke tiu bedaŭrindulino suferis je »Dilatatio cordis« (pligrandiĝo de l' koro) kaj ke tiu superpezigita muskolo faris ŝian dorson tiel kurba?

Por ni buboj tiu luksega ekzemplero estiĝis »dorno en okulo« pro diversaj okazintaĵoj, kiuj apartenas al alia folio.

Ni traskermis jam kelkajn bataladojn kontraŭ ĝi kun varia rezultato; sed nun la »poto superfluis«, ni ĵuris sangan venĝon por ĉiu unuopa grato kaj mordo kaj decidis »liveri nian malamikon al la tranĉilo«, t. e. iamaniere forigi ĝin.

Kiel tiu lasta aventuro okaziĝis, restu kaŝite; ĝi estas ĉapitro por si mem. La rezulto estis, ke unu el niaj amikoj longan tempon portis tri fingrojn envolvitaj en malpura ĉifono kaj iu alia montris nazon kaj vangon signitaj per dikaj ruĝaj strioj.

Por diri mallonge: iun belan tagon »Murr«, kiel nomiĝis la virkato, malaperis. Ĝi malaperis sen iu postsigno kaj restis malaperinta malgraŭ ĉiuj plendkrioj. Laŭ serioza eldiro oni aŭdis, ke la nigra diablo mem kun kelkaj helpintoj ĝin venenis; sed aliaj volis scii, ke tiu afero estis alie ludita. Estu kiel ajn, Murr estis for. Ĉiu logo, ĉiu vokado estis vana; nek dikaj larmoj nek maldolĉaj gemoj revivigis la karulon.

Granda estis la kompato de la tuta najbaraĵo, precipe de ni buboj. Ĉiuj bonaj amikinoj venis por esprimi kondolencon kaj ekscii pri la lastaj momentoj de tiu diigita besto, tiu viktimo de ordinara venĝo.

Tri tagojn poste la tutan najbaraĵon trablovis delikata rostaĵ-odoro. Ĉe familio Kluse hodiaŭ oni denove ĝojis pri lepora rostaĵo. Kiel la famo rakontas, preskaŭ ĉiam je tia okazo, kiam la viando rostiĝas en la kaserolo, oni aŭdas mallaŭtan bojaĉon aŭ miaŭon, sed certe tio estas nur parolaĉo.

Nia bedaŭrinda najbarino pro korpremo povis nek dormi nek manĝi, tial la kompatema Kluse alportis por ŝi bone rostitan, sukoplenan femurpecon por gustumi ĝin.

Jen, kia ektimego! Ĵus kiam la lasta, sola dento de la maljuna najbarino forte enmordis, antaŭ ŝiaj okuloj aperis nebula fantomo. Kvazaŭ tra vualo ŝi vidis la malaperintan Murr, dum aŭdiĝis plendkrianta miaŭado, levi sian dekstran kruron kun dolore grimacanta mieno.

Ekkrio, sveno. La bone rostita peco falas teren kune kun la lasta sola dento de la maljunulino.

# Kanto pri estinteco.

Foje dum majo frumatene li, sidante en sia ĉambro, subite ekaŭdis kanton plenan de dolĉeco kaj ĝojo . . .

Lia najbarino kantis! Kaj li aŭskultis la kanton, kiu elvokis en li bildon pri bela kaj ĝoje pasinta estinteco . . . Kaj dume en lia animo ĝi kaŭzis dolorsenton . . .

Ŝi kantadis — ŝi ne volis scii, ke ŝia kanto kortuŝis kaj turmentis — eble, ŝi tute ne sciis . . .

Eble intence, ĉar ŝi longe ĝin kantis kaj multfoje ĝin ripetis. Tio eĉ okazis preskaŭ ĉiumatene dum la tuta monato majo. Post tiu monato li ne plu aŭdis la kanton; eĉ li ne povis vidi ŝin, kiel ofte antaŭe.

Kaj kvankam tiu ŝia kanto ĉiam alportis al li doloregon, li denove eksoifis aŭdi la saman kanton. Li volis aŭdi la kanton, kiun li iam kantis al ŝi dum la feliĉa tempo . . .

Li soife volis aŭdi ŝian kanton, sed ve, li neniam plu ĝin aŭdis, neniam — la kanton pri estinteco.

Vlad. Lažarov, Lodi.

# Serĉoj.

**Telefonio kaj Radio.**

— Mi petas vin klarigi al mi, kio estas senfadena telefonio (Radio)?

— Tio estas simple klarigebla. Telefono estas kvazaŭ longega hundo, kiu estus longa de Praha ĝis Wien, kaj kiam en Wien oni piedpremus ĝian voston, ĝi bojus en Praha. Tio estas ordinara telefonio. Kaj la senfadena estas same tia, sed sen la hundo. T. Novotny, Liberec.

**Angla prononcado.**

S-ro Adam el Praha veturis al Londono kaj en tiea hotelo enskribis sian nomon „Adam". Sed laŭ angla prononcado ĉiuj lin nomis „Edem". Ne multe pripensis s-ro Adam kaj surskribis sian pordon per „Edem"; sed kiam la hotelanoj tion legis, ili nomis lin „Idem". — Prenu ĝin diablo! pensis s-ro Adam, laŭ vi mi povas nomiĝi ankaŭ Idem! Kaj li skribis sur la pordon „Idem". Post unu horo jam ĉiuj lin nomis „Ajdem". Nun vere kolerigite, li prenis pecon da kreto kaj skribis grandlitere sur sia loĝeja pordo sian malnovan nomon „Adam". T. N.

**Oratoro.**

— Gesinjoroj, jen vi vidas maloftan ekzempleron de gorila kranio. Ekzistas nur du ekzempleroj da tiaj kranioj: unu estas en la muzeo, kaj la duan havas mi. T. N.

# El Scienco kaj Tekniko.

**Altajo.**

Pri la Altajo-montaro komunikis al ni s-ro Vasilĉenko, la sendinto de la legendo „Jalamaŝ" (vidu la felietonon en la hodiaŭa numero!) kelkajn interesaĵojn: Altajo (Ora Monto) okupas areon de 500 000 kvadrat-kilometroj kaj estas natura murego inter Siberio kaj Ĥinujo. La centro de Altajo estas la neĝsupro Beluĥa (alteco 4200 m), kiun neniam ascendis homa piedo. Tie blovas ventoj, neĝblovadoj, kvankam malsupre floras herbejoj, bruas akvofaloj, plaŭdas riveroj. Altajo enhavas multe da interesaĵoj por esploristoj kaj por amantoj de bela naturo. Ĉi tie oni trovas diversajn gravajn mineralojn: oron, arĝenton, kupron, plumbon, karbon ktp., grandegajn areojn da koniferaj arbaroj (cedrojn, larikojn, abiojn, pinojn), en lagoj kaj riveroj diversajn fiŝojn (en Telecka lago precipe haringojn), en la arbaroj vivas multe da sovaĝaj bestoj (urso, alko, linko, sciuro k. a.). Sanigaj banlokoj, dislokitaj en diversaj partoj de Altajo, havas grandan signifon por la loka loĝantaro.

En Altajo oni renkontas altajanojn-nomadojn (kalmikojn, kirgizojn, teleutojn ktp.), kiuj ĝis nun vivas en pratempa, siaspeca vivo. Turistoj trovas multe da belegaj bluaj kaj bruaj riveroj kaj akvofaloj, multe da altaj kaj admirindaj neĝmontoj parte kovritaj per praarbaroj, kie la trankvilon de la naturo iam rompas la kantado de birdoj kaj la krioj de sovaĝaj bestoj . . .

**Lumturoj sen gardistoj.**

Oni legas en la gazetaro, ke la angla marbordo baldaŭ estas ekipota per lumturoj, kiuj estos funkciigataj sole per mekanikaj rimedoj. Gardisto, kiu zorgas pri tio, ke la lumigado daŭre funkcias, estos superflua. La unua lumturo tiuspeca estas instalota en Burnham, kaj aliaj sekvos. La lumturoj estos ekipitaj per elektra mekanismo, kiu ne nur precize reguligos la lumigadan servon, sed kiu ankaŭ ĉe eventuala malfunkciiĝo de iu lampo tuj ordigos la aferon. La elektraj lampoj estos la plej fortaj ĝis nun fabrikitaj. Ĉiu lumturo estos ekipita per du tiaj lampoj. Se unu malfunkciiĝus, tuj la alia aŭtomate anstataŭus ĝin. Se ambaŭ lampoj eluziĝus aŭ se la elektra kurento ĉesus, tuj aŭtomate eklumiĝus acetilena lampo kaj ŝoviĝus je la loko de la elektraj lampoj.

**Studejo en praarbaro.**

Scienca studejo meze de la praarbaro estas la celo de la amerika esploristo Hubbard. Li forlasis antaŭ nelonge la Kapurbon (Capetown) kun ekspedicio, kiu en norda Rodezio preparu akuratan studadon pri la sovaĝa bestaro. La esploristo volas la bestvivon en la praarbaro ne nur fotografi por filmo sed ankaŭ gramofone fiksi. Li intencas meze en la praarbaro konstruigi sciencan stacion, por tie priparoli la rezultatojn de la studado kaj fari praktikajn eksperimentojn. La ĉefkvartiro de la ekspedicio estos proksime de Livingstone. La scienculon akompanis lia edzino kaj liaj du infanetoj.

# Diversaĵo.

**Ankoraŭ ekzistas aventuroj:**
**La historio de punlaborulo.**

Ni ĉiuj ankoraŭ bone rememoras pri la antaŭ nelonge okazinta pereo de la itala vaporŝipo »Principessa Mafalda«. Nun la polica tribunalo en Bordeaux (Francujo) devis okupiĝi pri la romantika historio de punlaborulo, historio kunligita kun la subakviĝo de la itala ŝipo. Oni kondamnis la akuziton je mallibereco dum unu monato, pro lia provo per la vaporŝipo »Mosella« atingi francan havenon kiel »blinda pasaĝero«, t. e. sen pago. Sed tio estis nur flanka afero. Dum la proceso oni eltrovis, ke Maurice Courbier estis fuĝinta punlaborulo, kiu antaŭ kelka tempo estis kondamnita je sepjara punlaboro en Gujano, pro mortigo de disputema kamarado. Alveninte en Gujano, post nelonge li sukcesis forkuri trans la limon al Brazilo. Post superhomaj suferoj kaj penoj li atingis Rio de Janeiro kaj kaŝis sin en la vaporŝipo »Mosella«, kiu estis destinita por Bordeaux. Kiam la vaporŝipo estis kelkajn tagojn dumvoje, oni renkontis la subakviĝantan ŝipon »Principessa Mafalda«. La punlaborulo aŭdis la alarmsignalojn, forlasis sian kaŝejon kaj fervore partoprenis la savon de la pasaĝeroj, uzurpante al si la estradon de savboato. Sed malfeliĉe por li oni ekkonis lin kiel »blindan pasaĝeron« (nepaginton) kaj, alveninte en Bordeaux, transdonis lin al la polico. La tribunalo komence intencis, tuj resendi lin al la punkolonio. Sed la ŝipestro de la »Mosella« atentigis pri tio, ke Maurice Courbier sin mem perfidis per sia fervora partopreno en la savlaboroj, kaj la tribunalo decidis alie. Supozeble li estos amnestiata.

**Grandegaj arboj.**

La trunko de la baobabo atingas amplekson de 47 metroj kaj aĝon de 6000 jaroj. Ĝia ĉirkaŭa linio egalas al cirklo, kiu estas pli granda ol la areno de kelkaj ĉefurbaj cirkoj.

En la arbareto de Maripoza en Kalifornio troviĝas, kiel enirpordego, vivanta arbo, kies trunko havas aperturon sufiĉe grandan, ke povas traveturi vojaĝveturilo.

En la arbareto de Karaveras kuŝas abrupte faligita arbo nomita „Patro de la arbaro", kies supro derompiĝis je alteco de cent metroj. Ĉar la trunko en tiu ĉi alteco ankoraŭ havas diametron de kvin metroj, oni rajtas supozi, ke la tuta arbo estis pli alta ol la turoj de la katedralo de Kolonjo (Köln) en Germanujo. En la radiko de la arbo estas tunelo, tra kiu povas oportune rajdi viro sur ĉevalo.

Sed la plej aĝa inter ĉiuj arboj certe estas la „Faligita monako", en la Maripoza-arbareto. Estas science pruvite, ke ĝi ekĝermis antaŭ 7000 jaroj. Do, ĝi havas jam kelkmilojn da jaroj pli ol la piramidoj de Egiptujo.

El „Sonntagsglocke", Wien, trad. M. a. d. K.

**Lago en la Saharo?**

La direktoro de la egipta dezerta oficejo, D-ro John Ball, konstatis, ke okcidente de la oazo Sivao troviĝas dezerta regiono de multmiloj da kvadratkilometroj, kiu situas sub la nivelo de la maro. Li prezentis al la egipta registaro projekton, laŭ kiu oni konstruu kanalon, per kiu oni alkonduku akvon el la Mediteraneo al tiu ĉi dezerta regiono. Tiamaniere oni povus krei internan lagon meze de la dezerto. D-ro Ball opinias, ke tia interna lago favore influus la klimaton de la dezerto kaj certigus al orienta Egiptujo kaj la najbara dezerto sufiĉe da pluvo. Ampleksaj areoj da dezerto povus esti kulturataj kaj dense loĝataj. Certe ankaŭ la ŝiptrafiko profitus la okazon, aranĝante ekskursojn en la dezerton. La projekto ŝajnas atentinda; tamen ĉu ĝi estos efektivigata?

**La vera paradizo de la judoj**

troviĝas ne en Palestino sed en — Novjorko. Laŭ denombrado, aranĝita de la juda Eduka Societo en Novjorko, oni taksas la nombron de la Novjorkaj judoj je preskaŭ triono de la tuta loĝantaro. La nombron de la judoj oni taksas je 1 750 000 kontraŭ tutloĝantaro de ĉ. 6 milionoj. En la lastaj dek jaroj la nombro de la judoj en Novjorko kreskis je pliaj 250 000. Ekzistas en Novjorko 350 000 judaj infanoj vizitantaj la lernejojn, tio estas 38% de ĉiuj infanoj de Novjorko vizitantaj la lernejojn. Sed ne nur laŭnombre, ankaŭ laŭ sociala prospero la juda loĝantaro de Novjorko kreskis, kiel nenie en aliaj landoj.

# Por komencantoj.

**Novjaro.**

Maljuna fariĝis la malnova jaro 1927. Tial ĝi devis malaperi, transdonante la regadon al sia juna posteulo 1928. La homoj havas la kutimon, saluti la novan jaron per granda festado. Multaj tion faras hejme, trinkante punĉon aŭ ĉampanon kaj fandante plumbon je strangaj figuroj. El la formo de la fanditaj figuroj ili povas, laŭ onidiro, ekkoni sian estontan sorton. Kvankam tiu onidiro estas superstiĉa, tiu ĉi kutimo estas interesa. Multaj aliaj festas la alvenon de la nova jaro kun granda societo en restoracioj aŭ salonoj per bonega silvestra manĝo, per trinkado, per gajaj prezentadoj kaj dancado. Je la noktomezo oni kutime faras grandan bruon, per kriado, tamburado, trumpetado, pafado, bruligado de fajraĵoj kaj alimaniere. Kaj la homoj, kiuj festas kune aŭ kiuj renkontas unu la alian, deziras al si reciproke feliĉon por la nova jaro. Nur malmultaj homoj dormas dum la tuta silvestra nokto. Sed ili ne estas la plej malsaĝaj.


**Por interesigi la grupkunvenojn,**

la eldonejo de Heroldo dum januaro reeldonos la elĉerpitan Proverban Kvartetludon de samideano C. Schuhler; krome ĝi eldonos kelkajn novajn ludojn. Tiel plej malfrue je la fino de januaro estos haveblaj la jenaj ludoj:

**Proverba Kvartetludo** de C. Schuhler rmk. 1.60
**Litera ludo,** bonega rimedo por lerni vortojn . . . . . . . . . . „ 1.60
**Rido sen Fino** de Teo Jung. Ridiga demanda kaj responda ludo. 50 demandoj kaj 500 respondoj. Plej bona rimedo por lude ellerni la tabelajn vortojn, la nombrojn ktp. . . . . . „ 2.—

Por afranko aldonu 10%, el Germanujo kaj Aŭstrio 5%.

**Heroldo de Esperanto, Horrem b. Köln**
Germanujo.



**Silkaj sunombreloj**

broditaj aŭ pentritaj; paperaj sunombreloj manlaboritaj aŭ desegnitaj; plue **lanternoj** por ornamoj, propraj produktaĵoj de Ekstrem-Oriento, tre elegante noblaj, kiajn ni ĉiam eksportas pogrande aŭ pomalgrande. Se oni sendos al ni monon antaŭe per poŝtmandato (10 Yen por sunombreloj, 9 Yen por lanternoj), ni nepre senprokraste sendos kvin specojn da sunombreloj, 17 specojn da lanternoj je nia respondeco, kiuj garantias nepre kontentigi la aĉetantojn.

Uza maniero: Sunombrelo estas necesa akompananto, pro higieno, ĉe vojaĝo, promeno ktp. dum varmaj tagoj de somero, printempo kaj aŭtuno. — Lanternojn oni uzas por ornami salonojn, butikojn, ankaŭ por iluminadoj, por reklamo (kun ensignita firmo) ktp.

**Tookichi Itabashi, Shigai-Hosobata, Gifu,** Japanujo.


## Sentencoj.

Ne ĉiam diru tion, kion vi scias; sed ĉiam sciu tion, kion vi diras!

La virina voĉo estas plej belsona, kiam ĝi konsolas.

Bela knabino estas plej bela, kiam ŝi ne rigardas sin en spegulo.

Nur per tio, kio vi estas, ne per tio, kion vi havas, fiksiĝas via reala valoro.

Kie oni vidas fortajn efikojn, tie oni havas rajton por konjekti fortajn kaŭzojn.

Ĉiam la bonulo lernas pli multe de la malbonulo, ol la malbonulo de la bonulo.

Sprita malamiko estas pli bona ol malsprita amiko.

Multaj homoj similas la abelojn, sed ne per diligenteco, sed nur per la pikilo.

Metu la ranon sur oran seĝon — ĝi tuj resaltos en la ŝlimon!

Ne forlavu sangon per sango!

La blinduloj havas la plej bonajn orelojn, la surduloj la plej bonajn okulojn.

Multaj afektiĝas per tio, ke ili tro klopodas aspekti naturaj.

Malantaŭ ĉarma buŝo oni ofte trovas venenan koron.

Tiu estas feliĉa, kiu ne ŝuldas sian feliĉon al la feliĉo.

Kolektis kaj trad. H. Madsen, Odense, Danujo.

# Enigma konkurso.

**La ses abonantoj, kiuj komence de la hodiaŭa numero ĝis novembro 1928 solvos la plej multajn enigmojn, rajtos elekti librojn aperintajn en la propra eldonejo de „Heroldo de Esperanto" je valoro de rmk. 5.—. La solvoj de la enigmoj en la hodiaŭa numero devos alveni ĝis 20. 2., el transoceanaj landoj ĝis 20. 4.**

**1. Silab-enigmo.**

an, bo, bon, bro, ci, co, der, do, do, e, es, ga, ler, li, na, no, no, no, o, or, pe, po, ra, ra, res, ri, ro, ska, ŝo, te, to, tru, va, vi.

El ĉi-supraj 34 silaboj estas formotaj dek vortoj, kies komencliteroj, legataj de supre malsupren, nomas monatan Esperanto-gazeton; la kvaraj literoj, legataj de supre malsupren, nomas kongresurbon.

La vortoj signifas: 1. vagulo, 2. besto, 3. refreŝiĝejo, 4. mahometana monako, 5. akcesoraĵo de Radio, 6. flugilhava besteto, 7. aro, 8. konata himno, 9. kion bezonas Esperanto-lernemulo, 10. preskaŭ-komando.

**2. Krucvort-enigmo.**

| | | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 | | 2 | ● | 3 | 4 | | ● | 5 | | 6 |
| | ● | 7 | 8 | ● | | ● | 9 | | ● | |
| 10 | 11 | ● | 12 | 13 | | 14 | | ● | 15 | |
| 16 | | 17 | ● | 18 | | | ● | 19 | | |
| 20 | | | 21 | ● | | ● | 22 | | | |
| | ● | 23 | | 24 | ● | 25 | | | ● | |
| | ● | 26 | | | | | | | ● | |

La **horizontalaj** vortoj signifas: 1. duo, 3. dombesto, 5. kion ni spiras, 7. prepozicio, 9. prepozicio, 10. persona pronomo, 12. malrigida, 15. duona kombo, 16. virina antaŭnomo, 18. kanto, 19. loka tabelvorto, 20. ĝoja aranĝo, 22. substanco uzata kiel mortero, 23. adverbo, 25. prilabori kampon, 26. dikhaŭta mambesto.

La **vertikalaj** vortoj signifas: 1. oceano, 2. prefikso, 4. malkuna, 5. prepozicio, 6. kantbirdo, 8. adverbo, 9. sufikso, 11. penso, 13. artikolo, 14. persona pronomo, 15. nombro, 17. ĉielkorpo, 19. dombesto, 21. nombro, 22. fari, 24. sufikso, 25. sufikso de kvalito.

Ĉiuj vortoj sen gramatika finaĵo.

**3. Kaŝ-enigmo (kapsul-enigmo).**

En ĉiu el la vortoj: epidemio, ĉarpenti, afabla, aerumi, epoleto, rostro, fenestro, altruisto, revolucio, bakterio, estas kaŝita alia vorto, se oni aldonas la finaĵon „o". Ekzemple: klimato = lim + o = limo.

La komencliteroj de la ĝuste trovitaj kaj ordigitaj vortoj nomas grandan muzikilon.

**(Solvoj en la marta numero.)**


# Anoncoj.

**Oriento.** Bele bindita volumeto, enhavanta literaturaĵojn el Javo, Ĥinujo, Hindujo kaj Arabujo. Kun kvar tutpaĝaj ilustraĵoj kaj orumita titolvinjeto. Prezo rmk. 3.60 (por afranko aldonu 10%, el Germanujo kaj Aŭstrio 5%) ĉe la Libreja fako de Heroldo. — La samaj literaturaĵoj estas ankaŭ haveblaj kiel apartaj volumetoj 1—5 de „Ilustrita Biblioteko" kaj kostas kune rmk. 2.— (ekskl. afranko); unuopa volumeto kostas rmk. 0.50.

**Fundamento de Esperanto,** la standard-verko de Esperanto prezo rmk. 1.—) kaj **Fundamenta Krestomatio** (prezo rmk. 2.50) estas haveblaj ĉe la Libreja fako de Heroldo. Por afranko aldonu 10%, Germanujo kaj Aŭstrio 5%.

Korespondadon pri ĉiaj temoj deziras la anoj de la societo „Esperanto", Zittau. Adresu al s-ro Karl Knoll, Zittau, Germanujo, Theodor-Körner-Allee 11. (78

S-ro H. W. Alings, Amsterdam, Middenweg 226, Nederlando, deziras korespondi per L.

S-ro J. O. Ohnstad, Cannon Falls, Box 21, Minnesota, Usono, deziras korespondantojn en ĉiuj landoj per PI (bfl.).

S-ro Miguel Tresserras, Barcelona, San Andrés 410, Hispanujo, deziras korespondi nur per PI. Nepre respondos.

S-ro Ricardo Meri, Barcelona, Placo Mercat-Clot 17-2-2, Hispanujo, deziras korespondi nur per PI. Nepre respondos.

S-ro Hermann Kuhnt, instruisto, Breslau 2, Arletiusstr. 34, Germanujo, interŝanĝas belajn gvidlibrojn en esperanta, germana, angla kaj franca lingvoj, PI, ilustritajn gazetojn kaj fotojn de belaj virinoj. Mi posedas gvidlibrojn de Köln, Berlin, München, Wien, Dresden, Breslau, Silezio, Nigra Arbaro ktp. Ne sendu bagatelojn!

**Samideanoj, legu „Verdan Stelon" en fervojo!**
**Ĉiu laŭeble abonu duan ekzempleron por la propagando inter neesperantistoj;**
**la kvarlingva teksto multe akcelas la propagandon.**